Unua jaro. — N° 5. Oktobro 1911.

# FERVOJA ESPERANTISTO

DUMONATA GAZETO

Organo de INTERNACIA ASOCIO DE LA ESPERANTISTAJ FERVOJISTOJ

| | | |
|---|---|---|
| Jara abono : ₷ 1.<br>Unu N° : ₷ 0,2.<br>Anoncoj : 1 paĝo : ₷ 5 ;<br>1/2 paĝo : ₷ 3 ;<br>1/4 paĝo : ₷ 2. | REDAKCIO<br>**S-ro Bontemps**<br>Administranta Redaktoro<br>(La Prezidanto de la Asocio rajte estas Direktoro de la gazeto).<br>ADMINISTRACIO<br>**Centra Presejo Esperantista**<br>33, rue Lacépède, Paris | Ĉiujn manuskriptojn, abonmendojn, anoncojn, k.t.p., adresu al S-ro BONTEMPS, staciestro, *47, Villa de la Reine Henriette, Colombes (Seine), Francujo.*<br>La redakcio rezervas al si la rajton korekti laŭbezone la manuskriptojn. — Artikolojn ne akceptitajn oni ne povas resendi. |

## NIAJ KUNVENOJ EN ANTVERPENO

La unua kunsido okazis la 23-an de Aŭgusto, je la 10-a kaj duono matene.

Ĉeestantoj : 15, inter kiuj : 2 Angloj, S-roj Banks (Birmingham) kaj Freeman W. Crofts (Coleraine) — 1 Aŭstro, S-ro Schwarz (Sarajevo) — 2 Danoj, S-roj Friis (Aalborg), Hinrichsen (Kopenhago) — 4 Francoj, S-roj Aussenac (St-Dizier), Berlande (Villeneuve-St-Georges), Bontemps (Colombes), Huguet (Orléans) — 4 Germanoj, S-roj Hacker (Plauen i. V.), Petzold (Leipzig), Schutz (Schweidnitz), Tarnow (Barmen) — 1 Holando, S-ro Bal (Breda) — 1 Norvego, S-ro Bonnevie (Kristiania).

S-ro Berlande malfermas la kunvenon kaj legas la jenan salutparoladon :

« Karaj kolegoj,

Malfermante nian jaran kunvenon, mi salutas vin plej kore ; nenia vorto povas esprimi mian kontentecon, revidante miajn jam konatajn amikojn, kaj konatiĝante kun la neniam de mi viditaj.

Antaŭ ĉio, estas por mi dolĉa devo saluti, je via nomo, nian karan Majstron, D-ron Zamenhof, kaj saluti ankaŭ la Komitaton de la Sepa Kongreso, kies afablecon ni ĉiuj devas konstati.

En la daŭro de la lasta jaro, ni laboris kiel antaŭe ; pro tiu laboro, nia Asocio pligraviĝis, vere iom malrapide, sed ĉiam firme.

Ĉe ĉiuj landoj, niaj delegitoj klopodis energie por nia Asocio ; se la sukcesoj ne estis ĉiam rilataj kun la penadoj, tamen, ni devas tie ĉi danki ilin pro ilia agemo.

Malhelpataj de la malproksimeco, ni ne povis ĉeesti la Sesan, sed niaj Amerikaj kolegoj aranĝis apartan kunsidon ; al ili ankaŭ ni ŝuldas dankojn.

Tamen, post invito de nia sindonema amiko Hinrichsen, nia jara kunveno okazis en Kopenhago.

Akompanata de S-ro Chilot, bonvola privata sekretario, ni traveturis Germanujon kaj Danujon, kaj ni ĉiam memoros la akceptojn faritajn al ni en Hamburgo kaj Hannover, nian alvenon ĉe la belan ĉefurbon de Danujo, kaj la belajn tagojn travivitajn kun niaj danaj kolegoj kaj samideanoj.

La plej grava fakto, dum la pasinta jaro, estis la starigo de nia faka gazeto *Fervoja Esperantisto*. Ĝi sukcesis, kaj ni ricevis multe da komplimentoj, sed ne sufiĉe da abonoj. Do, karaj kolegoj, por faciligi nian laboron, abonu kaj abonigu plej anare.

En Francujo, ni klopodis ĉiuokaze apud la fervojaj Kompanioj, sed malfeliĉe kun neĉiama sukceso.

Antaŭ kelkaj tagoj, mi ricevis leteron de S-ro Engst, nia amiko kaj agema kolego en Saksujo ; li proponas Dresdenon, kiel lokon por nia jara kunveno en 1912-a jaro ; mi ne vidas malhelpon por tio.

S-ro Josiĉ, bonega delegito en stacio Koluŝki (Polujo), de longe intencis ĉeesti tiun ĉi kunvenon ; grava malsano de lia edzino malebligis al li fari ĝin ; al li, ni sendas esperojn de resaneco por lia edzino kaj dezirojn de konatiĝo dum nia venonta jara kunveno.

Mi dankas ĉiujn kunlaborantojn en ĉiuj landoj, inter kiuj S-rojn Tarnow, Poinçot, k. t. p., kaj ankaŭ nian sekretarion S-ron Bontemps, kaj lian helpanton S-ron Chilot, kiu, nova esperantisto je nia vojaĝo al Kopenhago, jam fariĝis fama ĉe la Esperantistaro.

Vivu la Internacia Asocio de la Esperantistaj Fervojistoj ! Vivu Esperanto ! »

Poste, la prezidanto priparolas la financan demandon :

« Mi nur diros al vi kelkajn vortojn pri nia mona kaj propaganda stato : Ni estas nun 209 anoj, kaj en nia kaso, ni posedas en tiu momento 38 Sm. La prezo de la jarabono de nia gazeto estas certe iom alta, sed tuj kiam ni povos plibonigi ĝin, ni tion faros. »

Fine, S-ro Bal (Holandujo) anoncas, ke li faris provon de teĥnika vortareto, kaj oni diskutas pri kelkaj vortoj donitaj de tiu kolego por diskutado.

S-ro Berlande fermas la kunsidon, je la 12-a.

---

La dua kunsido okazis la 24-an de Aŭgusto, je la 5-a vespere. Ĉeestantoj : 15, kiel en la unua kunveno.

S-ro Berlande, prezidanto, legas leteron de S-ro Engst, kiu deziras, ke nia venonta kongreso fervojista okazu en Dresdeno — li aldonas, ke se ni ne povus konsenti, li devus esti kontenta, ke almenaŭ iu antaŭkongreso estos tie ĉi aranĝita.

S-ro Aussenac opinias, ke ni ne estas ankoraŭ sufiĉe fortaj por starigi specialan kongreson ; ni devas uzi la internaciajn kongresojn. S-ro Petzold konsentas, sed li diras, ke ni povos, veturante Krakovion, halti unu tagon en Dresdeno kaj starigi kunvenon, kiu certe faros bonan impreson. S-roj Hinrichsen kaj Aussenac aprobas, kaj la afero estas konsentita.

S-ro Berlande raportas, ke nia agema kolego S-ro Suinot, stacia subestro en Canaples (Francujo), disdonas inter siaj kolegoj de la « Norda Kompanio » gravan cirkuleron, france redaktitan kaj presitan dank'al siaj

propraj elspezoj. La tuta ĉeestantaro sendas al S-ro Suinot sian varman dankon.

S-ro Bal donas sian laboron pri fervoja terminaro ; oni parolos pri tiu grava demando dum la tria kunveno.

S-ro Aussenac proponas, ke oni akceptu la prezon de 1,20 Sm. (3 frankoj france), kiel kotizaĵon de I. A. E. F., kaj samtempe kiel jaran abonon al *Fervoja Esperantisto*. S-ro Tarnow timas malbonan financan staton ; fine oni konsentas, ke oni studos la aferon en nia gazeto.

S-ro Berlande diras, ke de du jaroj li estas prezidanto de I. A. E. F. ; pro tio li opinias, ke de nun alia kolego fariĝu prezidanto de nia Asocio.

Post interkonsento, S-ro Schwarz (Sarajevo, Bosnio-Hercegovino) estas elektita kiel prezidanto, S-ro Engst (Dresden, Saksujo) kiel vicprezidanto, kaj S-ro Petzold (Leipzig, Saksujo) kiel sekretario. — S-ro Bontemps estos ĝenerala sekretario kaj havos kiel helpanton S-ron Chilot, el Villeneuve-St-Georges.

S-ro Aussenac proponas, ke oni streku la anojn, kiuj ne pagis la kotizaĵon dum 3 jaroj. — Oni ne kontraŭstaras.

Fine, S-ro Aussenac proponas, ke oni starigu fakajn kunsidojn la morgaŭan tagon de la ferma tago de la internacia kongreso. — Oni konsentas.

S-ro Berlande fermas la kunsidon, je la 6-a kaj duono vespere.

---

La tria kunsido okazis la 25-an de Aŭgusto, je la 9-a matene. Ĉeestantoj : 15, kiel en la aliaj kunvenoj.

S-ro Berlande prezidas, kaj oni priparolas la fakan terminaron, dank' al la laboro de S-ro Bal.

Fine, S-ro Aussenac proponas, ke oni diskutu la fervojajn vortojn en nia gazeto, *Fervoja Esperantisto*. — Oni akceptas.

S-ro Berlande fermas la kunsidon, je la 10-a.

Tuj post la fino de tiu kunsido, la tuta ĉeestantaro prezentas siajn sincerajn dankojn al S-ro Berlande pro la bona rezultato ricevita dum lia prezidanteco. S-ro Berlande dankas varme.

---

# AL LA ESPERANTISTAJ FERVOJISTOJ !

## LA APOSTOLOJ

De longege ekzistis apostoloj. Tuj kiam ideo utila kaj fruktodona estiĝas, tiam ankaŭ ekstaras apostoloj, t. e. homoj, kiuj fariĝas pasiaj servantoj al la nova ideo kaj propagandistoj de ĝi en sia medio.

Certe hodiaŭ, la homoj ne plu povas atingi laŭ apostoleco la disciplojn de Jesu-Kristo. Tiuj lastaj kvazaŭ kreis la signifon de la vorto « Apostolo » kaj montris ĝian majestecon per ilia tuta agado kaj celado ; tion pruvas la disvolviĝo de la Kristanismo en la radiado imponanta de historio senegala.

Kvankam ili famigis la vojon, ili tamen ne fermis ĝin al la nobla ambicio de animoj, kiuj sin donas al iu doktrino aŭ ideo.

La homaro havas sufiĉan akceptemon por kontentigi la superiĝemon de l' bono, tie, kie la posteulaj generacioj kredas, ke ili estas trovintaj ĝin.

La progresoj de la civilizado feliĉe ebenigis la vojon, kiun pene trairis antaŭ longe la pioniroj de la religioj kaj de la ideoj.

Kostas hodiaŭ multe malpli da penado por fariĝi apostolo.

La oportunaĵoj pri la vivado plifaciligas la plenumadon de la devo : oni vojaĝas rapide kaj komforte. La fervojaj oficistoj staras, laŭ tiu rilato, en tre favoraj kondiĉoj por kunlabori pri la firmigo de ideo.

Nun, post tiu eble enuiga antaŭparolo, mi alvenas al ties utiligo, kiu estas la tialo mem de tiuj linioj : La esperantistaj fervojistoj devas uzegi ĉiujn privilegiojn, kiujn ili havas por vojaĝado, kaj tiel, fariĝi, ĉie, kien ili iras, pioniroj de ĉiam pli granda disvastigo de l' Esperanto. Farante tion, ili meritos, proporcie laŭ ilia fervoro, la honoran nomon « Apostoloj ».

George Chilot
P. L. M.-a fervojisto
Membro de la I. A. E. F. (N° 94),
Pariza Grupano de la
« Stutgarta Esperanto-Stelo »

# MONTRA APARATO DE RAPIDECO

## PER LIKVA KOLONO

### UZATA SUR LA LOKOMOTIVOJ P. L. M. (FRANCUJO)

La rapideca montrilo per likva kolono konsistas el :

1-e Malgranda rado, kun kvar aletoj, turniĝanta en cirkla skatolo, kaj ekscentrigita laŭ tiu ĉi. Tiu radeto estas movigita per denta radaro, kiu estas muntita sur la portilo de la movopreno de la *Kronotakimetro,* aparato kies celo estas enskribi la rapidecon.

2-e Likvujo, fiksita sur la malantaŭa flanko de la fajrujo, videbla de la maŝinisto, elportante vertikalan vitran tubon kaj graditan skalon.

Tuboj komunikigas unue la centron de la skatolo al la fundo de la likvujo, aliparte la ĉirkaŭon de la skatolo al la malsupra fino de la vitra tubo, konduktubo superas la likvujon kaj komunikigas ĝin al la supra fino de la vitra tubo.

La skatolo, la likvujo kaj la komunikaj tuboj estas plenigitaj per likvaĵo (solvaĵo de magnezia klorido), kiu glaciiĝas nur je 18° sub la nulo.

Kiam la radeto je aletoj ne moviĝas, la nivelo de la likvaĵo estas tiel same en la akvujo, kiel en la vitra tubo, kaj devas samrilati je la nulo de tiu tubo.

Kiam la lokomotivo funkcias, la radeto, movigita per la movpreno, turniĝas tiom pli rapide, kiom la rapideco de la lokomotivo estas mem pli granda kaj antaŭenpelas la likvaĵon el la akvujo en la vitran tubon, je altеco, kiu rilatas al la nombro de la radturniĝoj per tempa mezuro, tio estas, al la rapideco de la lokomotivo.

Taŭga gradaro montras la rapidecon en dumhoraj kilometroj, rilatante je la diversaj niveloj preneblaj de la likvaĵo en la tubo.

Estas rimarkinde, ke la gradaro estas farita por respondi je novaj radoj ; kiam la diametro de la radoj estas plimalgrandigita per la eluzo de la radringoj, estas necese ke, por ricevi la verajn rapidecojn, oni reduktu la montritajn rapidecojn, laŭ la diametro de la radoj eluzitaj je la novaj radoj.

La diversaj tipoj de la rapidecaj montriloj per likva kolono en servo diferenciĝas inter si nur per longeco de la vitraj tuboj kaj per la gradaro, kiuj malsimilas laŭ la plej grandaj rapidecoj atingeblaj de la lokomotivoj por kiuj estas faritaj la montriloj.

*Tradukis* A. B. (I. A. E. F. N° 31).

---

# SIGNALOJ DE LA FERVOJO

(EN FRANCUJO)

La signaloj de la vojo, t. e. la signaloj faritaj de la vojo aŭ de la stacioj al la oficistoj de la trajnoj aŭ de la lokomotivoj, utilas ĉu por montri la vojon libera, ĉu por ordoni la halton aŭ la malakcelon, ĉu por doni la direkton.

En ĉiuj okazoj, la malestado de signalo montras, ke la vojo estas libera.

La signaloj estas moveblaj, t. e., kiuj povas esti translokitaj kaj uzitaj kie ajn, aŭ malmoveblaj, t. e. starigitaj por ĉiam je fiksita loko.

La malakcela signalo, farita al trajnoj, kiuj plene antaŭeniras, montras ke la efektiva rapido devas esti malgrandigita tiamaniere, ke ĝi ne superu maksimumon de 30 kilometroj hore por la persontrajnoj kaj de 15 kilometroj por komercaĵtrajnoj.

## SIGNALOJ MOVEBLAJ

La *moveblaj signaloj* ordinaraj estas farataj :

Tage, per flagoj, gvidiloj, iu objekto aŭ la brako.

Nokte, aŭ tage dum densa nebulo, per lanternoj kun lumo blanka aŭ kolora.

Tage, kiel nokte, per eksplodiloj.

---

La vojo libera povas esti montrita prezentante al la trajnoj :

Tage, la flagon volvitan aŭ la brakon horizontale streĉitan laŭ la direkto sekvita de la trajno.

Nokte, la blankan lumon.

La ruĝa flago malvolvita, mane tenita de oficisto, postulas la tujan halton.

Anstataŭ la ruĝa flago, la halto estas ordonita ĉu svingante rapide iun ajn objekton, ĉu altigante plene la brakojn.

La ruĝa lumo postulas la tujan halton.

Anstataŭ la ruĝa lumo, la halto estas ordonita per ia ajn lumo rapide svingata.

La verda flago malvolvita aŭ la verda gvidilo, postulas la malakcelon.

La verda lumo postulas la malakcelon.

*(Daŭrigota.)* *Tradukis* G. B.

---

# KELKAJ FERVOJAJ VORTOJ

*(Sekvo.)*

*Alarmsignalo,* signalo pri danĝero.

*Bremso,* mekanika sistemo por malakceli, haltigi movon de trajno.

*Bremsado,* ago bremsi.

*Bremsoŝuo,* malmola maso kiu, ĉe bremso, frotas sur radon por haltigi aŭ malakceli ĝian movon.

*Brulbriko,* briketo el karbo, uzata por hejti.

*Disko,* speco de signalo diskforma, kiu signalas antaŭ stacio ĉu la fervojo estas libera.

*Disrelejo* aŭ *Relforko,* loko kie fervojo disiĝas el du novaj vojoj.

*Karbumi, Akvumi,* sin provizi per karbo, per akvo.

*Lumoj,* lanternoj aŭ lumaparatoj uzataj kiel signaloj sur fervojo.

*Radringo,* ringo el fero per kiu oni provizas la randon de vagona rado kaj kiu ruliĝas sur relo.

*Radrondo,* cirkla ekstera parto de rado, kiu ricevas la radringon.

*Randelsteraĵo,* elstaraĵo, kiu ĉirkaŭas la randon de la vagonaj radoj, kaj kondukas tiujn ĉi sur la reloj.

*Relo,* metala relo, sur kiu ruliĝas la radoj de la vagonoj.

*Relkomutilo,* pinta rela peco movebla kiu, en relforko, pasigas vagonojn sur la duan vojon.

*Relkomutisto,* oficisto, kiu funkciigas la relkomutilojn de fervojoj per specialaj regaj sistemoj.

*Relkomuti,* pasigi vagonojn sur duan vojon per relkomutilo.

*Signalo,* ĉio, kion oni konsente alprenis por montri, sciigi pri ĉeesto, okazaĵo, k. t. p.

*Signali,* sciigi per signalo.

*Signalilo,* aparato per kiu signalo estas donita al la fervojistoj.

*Nepasebla signalilo,* signalilo antaŭ kiu la trajno devas halti.

*Pasebla signalilo,* signalilo, kiun la trajno povas preteriri.

*Fervojo,* vojo konsistanta el du paralelaj reloj, sur kiuj ruliĝas la radoj de la vagonoj.

*Jungi,* alligi lokomotivon al trajno.

*Bufro,* sistemo provizita per fortaj risortoj, kiun oni muntas ĉe la ekstremoj de la vagonoj por estingi la interfrapojn.

*Envagoniĝu!* avizo por ke la vojaĝantoj eniru la vagonojn.

*(Daŭrigota.)*

---

# OFICIALAJ ELDONAĴOJ DE I. A. E. F.

**REKOMENDATAJ AL ĈIUJ NIAJ ASOCIANOJ**

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| Oficiala leterpapero, | 100 folioj | . . . . . . . . . . | 0,90 ₷ | afrankite |
| » » | 50 » | . . . . . . . . . . | 0,50 | » |
| Oficialaj kovertoj, | 100 ekz. | . . . . . . . . . . | 0,50 | » |
| » » | 50 » | . . . . . . . . . . | 0,30 | » |
| Oficialaj poŝtkartoj | 100 » | . . . . . . . . . . | 0,75 | » |
| » » | 50 » | . . . . . . . . . . | 0,40 | » |

Ĉiuj mendoj estu sendataj al S-ro Bontemps, staciestro, 47, Villa de la Reine Henriette, *Colombes* (Seine), Francujo.

---

# NOMARO
## de la Anoj de I. A. E. F.

*(Sekvo.)*

No — **FRANCUJO** — *(Daŭrigo.)*

208 S-ro Degouy, *Nours* (Somme).
189 S-ro Raoul Dochez, fervojisto, rue Léon-Gambetta, *Somain* (Nord).
33 S-ro Charles Dureau, ĉefa maŝinisto, 1, rue du Charolais, *Paris.*
212 S-ro Louis Fouquet, fervoja desegnisto, 6, rue Gambetta, *Villeneuve-St-Georges* (S.-et-O.).
26 S-ro Emile Gaudner, fervojisto, rue Lamartine, *St-Dizier* (Hte-Marne).
46 S-ro E. Grenier, fervoja inspektoro ĉe la Orienta K-io, 62, rue de Maubeuge, *Paris.*
188 S-ro Henri Grillet, substaciestro, 30, avenue Victor-Hugo, *Ay* (Marne).
165 S-ro Emile Hegelbach, fervoja hejtisto, 20, rue St-Jean, *Chaumont* (Hte-Marne).

35 S-ro Albert HUGUET, fervoja segisto, 25, rue Bourrée-Rouge, *Orléans* (Loiret).
38 S-ro JOBERT, fervoja desegnisto, 8, rue Voltaire, *Troyes* (Aube).
54 S-ro Gabriel LAMY, inspektora adjunkto, 23, rue de la République, *Somain* (Nord).
25 S-ro Ernest LEMONNIER, fervojisto, 22, rue du Collège, *St-Dizier* (Hte-Marne).
75 S-ro LEPELTIER, fervoja kalkulisto, 12, rue Montoise, *Le Mans* (Sarthe).
166 S-ro Emmanuel LEPRINCE, fervoja telegrafisto, 10, rue Beauregard, *Troyes* (Aube).
164 S-ro Antoine LHERMET, stacia subestro, stacio *Lyon-St-Paul* (Rhône).
123 S-ro Auguste LINARD, 17e Régiment d'Artillerie, *La Fère* (Aisne).
49 S-ro Henri LORIN, fervojisto, stacio *St-Varent* (Deux-Sèvres).
24 S-ro Raoul MEUNIER, fervoja kalkulisto, 7, rue du Trèfle, *Montmorency* (S.-et-O.).
27 S-ro René MORAUX, fervoja kalkulisto, rue Michelet, *St-Dizier* (Hte-Marne).
113 S-ro MOURET, fervoja faktoro, Bufedo de la stacio, *Arles-sur-Rhône.*
52 S-ro Joseph NICOLE, fervoja laboristo, 9, rue Louise-Michel, *Choisy-le-Roi* (Seine).
17 S-ro PILIN, fervojisto, 55, avenue Ledru-Rollin, *Le Perreux* (Seine).
125 S-ro Paul PITEUX, 17e Régiment d'Artillerie, *La Fère* (Aisne).
114 S-ro H. POINÇOT, fervoja inĝeniero, *St-Pourçain-sur-Sioule* (Allier).
155 S-ro Eugène RÉMOND, fervojisto, 10, rue de Cullion, *Corbeil* (S.-et-O.).
48 S-ro Louis RIGOIR, fervojisto, 26, rue du Progrès, *Marseille* (Bouches-du-Rhône).
47 S-ro J.-B. ROBIN, fervoja laboristo, 6, rue de Paris, *Sotteville-lès-Rouen* (Seine-Inf.).
32 S-ro Marie ROCHE, fervojisto, 13, rue des Rosiers, *Alfortville* (Seine).
132 S-ro RODINGER, fervojisto, stacio *Doullens* (Somme).
40 S-ro L. ROUSSELOT, fervoja desegnisto, 13, rue Neuve de la République, *Ste-Savine* (Aube).
51 S-ro R. SPINNER, 2, avenue de la Boule-d'Or, *Romilly-sur-Seine* (Aube).
41 S-ro Paul SUINOT, substaciestro, stacio *Canaples* (Somme).
193 S-ro Ernest TABOURET, 69e Régiment d'Infanterie, *Toul* (M.-et-Moselle).
36 S-ro Arthur TABOURET, sub-inĝeniero, 15, Villa Courtalon, *Troyes* (Aube).
167 S-ro Léon TAVERNIER, fervojisto, stacio *Abbeville* (Somme).
122 S-ro Léon VIENNOIS, staciestro, *Granville* (Manche).

*(Daŭrigota.)*

---

AVIZO. — De nun, la adreso de S-ro BONTEMPS, staciestro, estas : 47, Villa de la Reine Henriette, en *Colombes* (Seine), Francujo, anstataŭ stacio Parennes (Sarthe).

---

Centra Presejo Esperantista, V. Polgar, 33, rue Lacépède, Paris.

*Le gérant :* A. BERLANDE.